# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

19/08/2012 Sesdeknaŭa Eldono 2012 15/08/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

Esperanto is the language equivalent to the metric system

Sendu vian novaĵon al 200 Aŭstraliaj Esperantistoj per la novaĵletero

GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu de Bob Felby

## AE bezonas vian novaĵon

## KLUBNOVAĴO







Manlia Esperanto Klubo kunvenis sabaton 18/8
Nur kvin homoj venis hodiaŭ la18an de julio.
Du aliaj petis pardonon pro neeblo ĉeesti.



### LETERO DE VERA PAYNE

Oni lernas ion ĉiutage.... Mi ne sciis (aŭ, se fakte mi ja iam sciis, mi tute forgesis), ke Ho Chi Minh lernis Esperanton!
Dankon pro Tamen Plu, Bob, kaj dankon pro la elsendo
Roger. Vera

# UK EN HANOJO

## Dmitry sendis raporton, fotojn

Saluton
Tio estas kelkaj fotoj kaj miaj impresoj pri la UK97 en Hanojo.



Eble UK en Hanojo ne estis tre multnombra, tamen certe ĝi estis tre multkolora kaj siaspeca. La varieco en la programo de UK97 mirigis min. Mi ne povis partopreni ĉiujn renkontiĝojn ĉar kelkaj interesaj prelegoj okazis samtempe.



Sen ia ajn dubo tre plaĉis al mi prelegoj de korifeoj: S-ro Humphrey Tonkin kaj S-ro Trevor Steele. Tio donis al mi tre pozitivajn impresojn. Kaj mi dezirus rakonti pri miaj renkontiĝoj-surprizoj.

Unuan surprizon kreis teatraĵo de Georgeo Handzlik "D-ro Zamenhof".
Fakte, la teatraĵo estas tre fama, tamen mi iris al la Lapenna ĉambro (kie prezentiĝis la "D-ro Zamenhof") kun miksaj sentoj. Ofte altaj atendoj ne realiĝas. Sed ne nun! Talente, gaje kaj neforgeseble!
Bravo, S-ro Handzlik!

Alian surprizon faris S-ro Sylvain Lelarge dum Paroligaj Lecionoj por meznivelo. Mirinde, afable kaj ĉarme!
Dankon, S-ro Lelarge!

Certe, agrabla evento por mi estis la prelego de Jonathan Cooper. Fakte, sidnejaj esperantistoj vidis lian saman prelegon pri moderna arto en la Esperanto Domo. Tamen por UK97 Jonathan preparis pli profundan kaj pli emocian version. Tre bone, S-ro Cooper! Interese, ironie kaj utile! Nun mi iomete komprenas kio estas moderna arto :)




Dum la kongreso aperis E-kafejo apud Melia hotelo. Ordinara kafejo bezonis nur E-ŝildon kaj E-menuon por tio. Strange ke aliaj multnombraj kafejoj de Hanojo ne uzis tian simplan ideon.

Kelkaj vortoj pri eventoj kiuj elvokis miron dum kongreso. Mi sentis konfuziĝon kaj malkomprenon kiam mi spektis la filmon "La domo de fantomoj". Malagrabla filmo kaj stranga elekto por montri kontribuon de Esperanto al la kinematografio. Sed eble mi simple ne komprenis ĝin.

Ĝenerale UK97 en Hanojo restis en mia memoro kiel tre interesa kaj utila rimedo. Dankon, UEA! Dankon, Esperanto!"
Dmitry Lushnikov

# Katja sendis fotojn












Almenaŭ unu aŭstralia esperantisto partoprenas en la IJK (Internacia Junulara Kongreso) en Hanojo. Temas pri Richard Baron Penman (kun blua ĉemizo sur la foto). Sendis Nicole

Gordon Coleman decidis forlasi Esperanton kaj rezigni pri sia posteno en la estraro. Li bedaŭras, sed la decido estas fina, do li ne deziras diskuti ĝin aŭ esti kontaktita pro ĝi. Tamen pluraj el la baldaŭaj estraranoj ankoraŭ provas konvinki lin fariĝi estrarano.



## LA NOVA ESTRARO 2012-2014

| | |
|---|---|
| Sandor Horvath | Prezidanto |
| ~~Gordon Coleman~~ | Edukado |
| Indrani Beharry-Lall | Financoj |
| Kam Lee | Administrado |
| Heather Heldzingen | Servoj |
| Margaret Chaldecott | Reklamado |
| Max Wearing | Instruiloj |

## AEA total assets 30 Jun 05 **$321,877.35c**



Mi ne scias pri aliaj jaraj sumoj
aŭ pri perdoj libroservaj –ĉu 30k?,
AMP investado?,
kostoj kaj kiaj Esperantaj varbadoj okazis dum tiu periodo.
Ĉu altaj elspezoj kun malaltaj kotizoj estas bona administrado?
Mi tre ŝatus havi sumojn en dolaroj. Mi petas vin sciigi mi. Ĉu iu scias??



Oni informis min (pardonu la anglan)
The AEA accounts have always been and still are fully transparent and accountable over the past 10 years.
Do kiu havas la detalojn ? Kial demandoj ekzistas?



Detalaj Informoj pri la **nuna situacio** de
„The Strategic Plan 2008“ de “Membership”, Financoj, “Apprenticeship Language Learning” ktp
donos bazon por juĝi la agojn de la venonta estraro.
**De kie venos detalaj raportoj?** Oni informis min ke ili ekzistas sed??

La federacio pere de Dominic donacis unu ekzempleron de la DVD The universal language al la biblioteko de la Universitato de Sidnejo.
Amike, Nicole



Kara Renato,

Tiumatene ni bonŝance renkontis lin [Marcel] denove en Ho Chi Minh urbo. Li venis al domo de s-ro Tran Quan Ngoc por instrui Esperanton. Kvankam li estas maljuna, li donis al ni interesegan lecionon pri gramatiko de Esperanto, manieroj por krei novajn esperantvortojn ktp. Li instruos nin dum 3 tagoj. Tial ni renkontos lin en venontaj du tagoj ☺

Bv. malfermi la suban ligilon por fotoj, ni fotis en la unua tago de lia instruado.

http://s1080.photobucket.com/albums/j337/bamboo1506/Fotoj%20de%20Marcel%20Leereveld/

Amike, Panda Tru



Mi aĉetis flugbiletojn kaj pagis por la George Williams hotelo ĉi-semajne. Eble mi vidos kelkajn el vi en Brisbano AEK, Roger kaj Mei